

# PENSEO

N-ro 131

AŬG./2002

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 http://anteo.topcities.com

## Mensogo

Ming Shi



Singulta plorado altiris min en la klasĉambro. Kiu ploras? Estis Li Xiaofen. Kuŝigante sian kapon sur pupitron, ŝi konvulsie ploradis, kun ŝultroj levitaj de tempo al tempo. Kia tragikaĵo!

"Pro kio vi ploras?" Mi alproksimiĝis kaj karesis ŝian kapon.

"Mm…" Levinte siajn larmplenajn okulojn, ŝi altiris sian jupon, dirante, "estas sendube, ke miaj gepatroj aĉetis la jupon por mi, sed ili ne kredis kaj akuzis, ke mi mensogis. Mm…"

Ba, plori pro tia bagatelo? Mi nereteneble ekridetis. Tuje, penso venis en mian kapon, ke ŝi ne estas plorema knabino, sed nun ŝi ploregas senĉese pro tia bagatelo. Do kia kaŭzo kaŝiĝas en ŝia plorado? Mi elirigis la monitoron ekster la klasĉambron kaj petis la informon de la okazaĵo.

"Xiaofen ja mensogis," li klarigis. "Ŝia jupon ne estas aĉetita de ŝiaj gepatroj. Kiam mi kaj mia patrino butikumis, mi propraokule vidis, ke ŝia boavino aĉetas la jupon."

Se tiel, ŝi estis mensoguleto. Kvankam tio estas begatelo, ŝi ne devas mensogi. Se ŝi komencas mensogi je tia aĝo, oni ne povas imagi kio okazos kiam ŝi plenkreskos. Kiel infanvartistino kaj ĉefinstruistino de la klaso, mi absolute ne lasas tio disvolvigi senbride. Se mi ignorus tian fenomenon, mi ne plenumus mian devon, precize, mi farus krimon.

La sekvantan tagon, kiam mi venis al la lernejo, mi pretis okazigi klaskunvenon titolita per "Bonaj Infanoj Ne Mensogas", tiel ke mi povis eduki infanojn per la ekzemplo de Li Xiaofen. Estis neatendite, ke ŝi ne venis al la infangardeno. Kaj tio detruis la klaskunvenon. Kial ŝi ne venis?

Fininte mian instruadon, mi hastis al ŝia hejmo. Min akceptis ŝia maljuna boavino kun blanka hararo.

Okazis, ke ŝi malsaniĝis, kaj ŝi dormiĝis en la ĉambro.

Tra la duone fermata pordo, mi rigardis, ke ŝi estas en peza dormo. Post kiam ŝia boavino petis min sidiĝi, mi komencis rakonti al ŝi la okazaĵon en la infanĝardeno.

"Xiaofen ne mensogis. Estas mi, kiu mensogis!" Ŝia boavino fikse rigardis min. Ĉagreno kaj amemo skribiĝis sur ŝia faltoplena vizaĝo. Mi ŝtoniĝis.

La boavino elrakontis ĉio, kio okazis en la familio.

La gepatroj de Li Xiaofen estas instruistoj en universitato. Lastan monaton, ili eksedziĝis. Kaj nun ili dronas en sian propran romantikan amaferon. Ili eĉ ne Kreskas iom da zorgo por la filino.

Ĉion, inkludante eksedziĝon, la boavino kaŝas de la nepino, ĉar ŝi estas nur kvin-jara. Lastatempe, ŝi paroladas pri siaj gepatroj tuttage, kaj eĉ en la sonĝo si vokis la sian panjon. Por varmigi la koron de la infano, la boavino aĉetis belan jupon por ŝi, mensogante, ke ŝiaj gepatroj sendis ĝin al ŝi.

La vero malkaŝiĝis. Mi, emociite, ekhavis miksitajn sentojn.

Subite, Li Xiaofen elkuris el la ĉambro kaj sin ĵetis al mi, "Jen vi estas ĉi tie, sinjorino Zhang! Mi vere ne mensogis. Demandu mian boanjon, se vi ne kredas!"

"Ne, ne. Vi ne mensogis." Miaj okuloj iom malsekiĝis. "Viaj jako, jupo, ŝuoj kaj ŝtrumpoj ĉiuj estas aĉetitaj de viaj gepatroj… Mi, mi trafis viajn gepatrojn. Ili diris, ke ili aĉetos ludilojn kaj manĝaĵojn por vi, kaj prenos vin al la Infanludejo por remi."

Li Xiaofen eligis ridojn. Dume mi sentis varmon ĉe la oreloj.

Kion mi diris? Ankaŭ mi mensogis.



esperantigis **Wu Shiwu**



EL ***LAŬZI***

## ĈAPITRO 55



(En tiu ĉi ĉapitro Laŭzi komparas tiun, kiu posedas la profundan Virton, kun la novnaskito simplanima. La novnaskito estas plena de vitala forto kaj havas perfektan harmonion en sia korpo, tial Laŭzi rekomendas, ke tiu, kiu volas posedi la Taŭon, penu reveni al la stato de la novnaskito. Laŭ Laŭzi, tio estas konforma al la kriterio de la Taŭo kaj, restante malforta, mola kaj simplanima, oni povas eviti katastrofojn, alie oni baldaŭ pereos pro sia malobservo de la principo de la Taŭo.)

La profundeco de la entenata Virto
Devas esti komparata kun la infaneto
novnaskita,
Kiun la venenaj insektoj ne pikas,
Kiun la sovaĝaj bestoj ne atakas,
Kiun la robobirdoj ne ungovundas;
Kies ostoj estas malfortikaj kaj kies tendenoj
estas molaj, sed kies manetoj havas fortan
kunpremon;
Kiu scias ankoraŭ nenion pri la koito de
masklo kaj femalo, sed kies seksa membro
povas spontanee erektiĝi, ĉar en li la vitala
forto estas je sia kulmino;
Kiu plorkrias tuttage sen raŭkiĝo, ĉar en li la
harmonio[1] estas en sia perfekteco.
La konado de tia harmonio estas nomata "la
leĝo eterna",
La konado de "la leĝo eterna" estas nomata
"iluminiĝo".
La deziro je la vivoĝuo estas nomata
katastrofo,
Kaj la submeto de la vitala forto al la deziro
estas nomata parado per sia forto.
La estaĵoj, atinginte la plejfortecon, devas
kreski maljunaj,
Kio estas kontraŭ la Taŭo.
Kaj ĉio, kio estas kontraŭ la Taŭo, senescepte
iras al sia baldaŭa pereo.

[1] T.e. la harmonio de, aŭ la natura ekvilibro inter, la diversaj vivfaktoroj en la korpo.

## ĈAPITRO 56

(Tiu ĉi ĉapitro estas pri la metodo de sinkulturado por posedi la Taŭon kaj pri la rezulto de tia sinkulturado. La unua parto de la ĉapitro, de "Ŝtopi la aperturon" ĝis "kio estas polva", pritraktas la metodon, kaj la dua, de "Tial la persono" ĝis la fino, rakontas pri ĝia rezulto. Tia rezulto estas "la perfekta harmonio", t.e. la identiĝo kun la Taŭo, kaj tiu, kiu povas esti nomata la persono kun "la perfekta harmonio", indas la plej altan estimon de la tuta popolo. )

Tiu, kiu scias, ne parolas,
Kaj tiu, kiu parolas, ne scias.
Ŝtopi la aperturojn,
Malfermi la pordojn[1],
Malakrigi ĉion, kio estas akra,

Malkonfuzi ĉion, kio estas konfuzaj,
Malbriligi ĉion, kio estas brila,
Miksiĝi kun ĉio, kio estas polva[2], —
Ĉio ĉi tio povas esti nomata "la perfecta harmonio"[3].
Tial la persono (kiu atingis la perfektan harmonio)
Ne povas esti intime traktata,
Nek povas esti fremdigita,
Nek povas esti profitigita,
Nek povas esti malprofitigita,
Nek povas esti nobligita,
Nek povas esti humiligita.
Jen kial li estas estimata de la popolo sub la Ĉielo.

[1] Vd. noton 3 de ĉap. 52.

[2] Vd. noton 2 de ĉap. 4.

[3] "La perfekta harmonio" ĉi tie signifas la Taŭon.



trad. **Wang Chongfang**

## Poemoj de Hu Shi (1891—1962)

### Korvo

I

Vekiginte frumatene,
grakas mi ĉe l' domangulo.
La dommastr' malŝate min titolas misaŭgura ——
ve, ĝojigi lin mi ne povas per pepado.

II

En ventego frosta, sen branĉnesto,
flugas mi tien kaj ĉi tien, kaj malvarma kaj malsata.
Povas mi nek flugi kiel kurierkolombo,
nek nur por manpleno da milio servi kiel ludbirdo



elĉinigis Hong Yu

### Kolombo

Maldensaj nuboj sur ĉielo alta – kiel bela aŭtun-sceno!
Petolas grupo da kolomboj blankaj tie,
flugante aŭ dupope aŭ triope
jen ronde jen returne
plezure kaj fiere –
abrupte ili pafas sin alsunen,
kun blankaj plumoj sur azura fono,
kolora brile!



esperantigis *Li Jia*

### Papilioj

Du papilioj flirtas supren kaj malsupren.
Dio scias kial unu plonĝas sur la teron.
La alia sentas triston kaj solecon.
Surĉiele regas dezerteco!



esperantigis Xiao Li

** ** **

## SURRETA LITERATURO

### Trapasi la Falintajn Florojn

*Qin Yong*

I

Kun veado, mi ne kuraĝas alfronti la okulpikan sangkloron de la falintaj floroj.

La skarlato de la tuta arbo abrupte prezentiĝis tranokte, kvazaŭ aranĝite, por montri al ni sian elegantan kaj ĉarman figuro en la frua mateno.

Sed ĝuste tranokte, senkompata pluvŝtormo falfrapis la sopiron de la tuta arbo.

Mi povas imagi, kiel ili tremas en la ventpluvo kaj kiel ili senhelpe falas el la branĉoj.

Kaj nun, tiuj amindaĵoj kuŝas en kotaĵo, falas en mia vido. Iliaj petaloj restas ankoraŭ freŝaj kun pluvaj gutetoj sur si…



II

Mi neniam kuraĝas trapasi la falintajn florojn senpripense, ĉar mi timas, ke mia hasteme pasanta figuro paŝrompus ilian trankvilecon, kaj mia troa pririgardo dolorpikus ilian koron. Mi neniam kuraĝas trapasi la falintajn florojn senpripense, ĉar mi timas, ke mia voĉo sub la vivpezo ĝenus ilan sonĝon kaj miaj paŝoj teditaj de homa mondo malpurigus ilian koron.

Tamen ili devas suferi senpente vagadon disde la branĉoj, ne nur pro pelado de vento kaj pluvo, sed pro ilia kredo en vagado: ili aŭ bonodorigas la grundon aŭ flosas sur fluoj. Ili tenas siajn radikojn profunden en la teron por atendi denovan doloron de la estonta jaro.



III

Ili hasteme alvenis kaj foriris antaŭ ol ni ilin retenas kaj mansvingas adiaŭ al ili. Kiam vi surprizite konscias pri ilia perdo, ili jam malesperis senspure kaj estis tretitaj senkonscie de pasantoj en kotaĵon.

Tamen mi ankoraŭ flaras delikatan etoson de printempo, devenantan el la aero, el la memoro kaj el la profundeco de la animo.

Pripensinte, mi rapideme trapasas la padon kovratan per falintaj floroj, kun sereno kaj trankvilo en la koro. Nun ke la rezulto de florado neeviteble estas florfalado, pro kio do ni atendas amare antaŭ florado kaj pro kio do ni hezitas amare post florfalado?

Trapasante la falintajn florojn, mi scias, ke en ĉinokta sonĝo ne furiozos pluvŝtormo, sed prosperos printempo de la tuta arbo.



Hongjia esperantigis el
http://kongfangzi.com

## Ĉagreno

*Zhou Zhanzhong*

kiam mi ne povas plu eltenas la
subpremon
mi tre volas fali surventre
tamen –
mi ne, mi ankoraŭ vivas!

floroj! Mi pririgadas vin kun zorgo
ĉiam vi senĉese kreskas
de kie vi obtenas tiom da energiforto?

Vivo donas premon al personoj ĉiuj
kial mi…
mi –
kion mi priskribu per la plumo –
miajn florojn!



**elĉinigis Ren Zhi**



Eldonas Redakcio de *Penseo*
Disdonanto Lin Liyuan
Adreso: Ĉambro 501, N-ro. 72,
Strato Xitangxilu, Guangzhou,
Guangdong (510050)
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou
Universitato, Guangdong 515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: ydwei@stu.edu.cn
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

